# La Bulteneto

Numero 47 Jaro 2019

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO





**K U N I J O Ŝ I**

**Japanaj lignogravuraĵoj**

**Ekspozicio en MAK, Vieno, ĝis la 16a de februaro 2020**



# La Bulteneto

Numero 47 • Jaro 2019

Redaktejo - eldonejo - presejo:

Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio

Tekstoj: Renate kaj Walter Klag, esperanto@chello.at

Kun kontribuaĵo de Rogier Huurman

Unverkäufliche, private Ausgabe - Nevendebla, privata eldono

Auf Seite 1 - Sur la unua paĝo:

Utagawa Kuniyoshi: „Tamakazura, die Taucherin holt die Perlen zurück“ aus der Serie „Vergleich von Darstellungen aus dem Genji-Roman und der fließenden Welt“, 1843–1847.

Utagava Kunijoŝi: „Tamakazura, la mergistino, reprenas la perlojn” el la serio „Komparo de bildigoj el la Genji-romano kaj la fluanta mondo”, 1843–1847.







# 150 Jaroj Amikeco Japanio - Aŭstrio

Okaze de la datreveno MAK – la Muzeo por Aplikita Arto en Vieno – montras du ekspoziciojn el sia propra japan-kolekto, siaspeca unu el la grandaj kaj gravaj en Eŭropo.

Antaŭ 150 jaroj stariĝis diplomataj rilatoj inter Japanio kaj Aŭstrio. Por memorigi tion kaj danki al Japanio MAK montras du ekspoziciojn el du epokoj de la japana arthistorio. La amikaj rilatoj inter Japanio kaj Aŭstrio fondiĝis en la kadro de tiama aŭstri-hungaria ekspedicio per kontrakto de 1869 pri amikeco, komerco kaj navigacio.

Unue la celoj de la ekspedicio estis politikaj kaj ekonomiaj. Sed la ekspedicianoj havis ankaŭ la taskon kolekti artmetiajn objektojn respektive fari fotojn de tiuj. Inter la akiritaj objektoj troviĝis japanaj libroj kaj la unuaj koloraj lignogravuraĵoj, kiuj havis eksterordinare altan kvaliton; tiuj Ukijo-e-presaĵoj estis antaŭ 150 jaroj la bazo por la nuna kolekto de MAK.

## 1

## KUNIYOSHI+

La ekspozicio „KUNIYOSHI+. Dezajno kaj distrado en la japana kolora lignogravuraĵo“ prezentas la urban vivon en Edo, la ĉefurbo de Japanio, respektive la grandajn sociajn ŝanĝojn en la 19a jarcento. Ĝi dokumentas ankaŭ 150 jarojn de la aŭstri-hungaria kolektado-historio kaj montras la daŭre bonegan rilaton de MAK al la diplomata reprezentado de Japanio en Aŭstrio.

Utagava Kunijoŝi (1797–1861) estas elstara japana artisto en la 19a jarcento. Liaj koloraj lignogravuraĵoj influis ne nur siajn samtempanojn kaj posteulojn en la Meĝi-periodo (1868–1912), sed ankaŭ la nuntempajn mangaojn (bildliteraturo) kaj animeojn (desegnitaj filmoj). Liaj teknike novigaj presaĵoj estis en Japanio tre ŝatataj kaj popularaj. Pro la granda eldonkvanto ili estis malmultekostaj. La Utagava-Skolo produktis ankaŭ presaĵojn en grandeco ĝis tiutempe ne konata. En la ekspozicio oni vidas ekzemple presaĵon de Kunijoŝi, kiu konsistas el ses partoj kaj kies dimensioj estas 38 x 150 cm.

Kiel dezajnisto de komercaj produktoj Kunijoŝi daŭre serĉis freŝajn impulsojn kaj novajn temojn kaj novan bildlingvon. Unuopaj folioj kaj serioj ofte estiĝis en intensa kunlaboro kun la distra industrio. Per siaj laboraĵoj li cinike kritikis la superulojn, kiuj klopodis malhelpi sociajn ŝanĝojn per ĉiam pli severa cenzuro kaj restriktoj. Oni ne rajtis portreti konatajn personojn. Rektaj aludoj estis malpermesitaj. Kunijoŝi estis majstro en trovado de vojoj ĉirkaŭ pli kaj pli strikta cenzurado. Sian kritikon li kamuflis per historiaj motivoj kun kriptaj siatempaj aludoj. Realeco kaj fikcio miksiĝas en sonĝaj bildoj kaj fantomaj rakontoj, kiuj havis jam longan tradicion en ukijo-e.

La temoj de la popularaj bildoj de Utagava-Skolo, ekspoziciitaj en MAK, estas la vivo en la granda urbo Edo, hodiaŭ Tokio: Modo, teatro, amuzkvartaloj, dumnokta distrado.

En la serio „24 Ĉinaj Formoj de Infana Obeemo“ (ĉirkaŭ 1848) oni rimarkas la influon de la tradicia ĉina kulturo kaj de la eŭropa kulturo de la 17a kaj 18a jarcentoj.

La kolekto de koloraj lignogravuraĵoj de Kunijoŝi kaj ties samtempuloj estiĝis ĉefe ĉirkaŭ 1900 precipe danke al Heinrich Siebold (1852-1908) kaj Richard Lieben (1842-1919).

# 2

## UKIYO-E NOW. Tradicio kaj Eksperimento

En la fascinan mondon de la nuntempaj koloraj lignogravuraĵoj en Japanio kondukas nin la dua ekspozicio kun la nomo UKIYOENOW. La titolo signifas:

UKIJO = Japane la fluanta, evoluanta mondo;
E = Japane bildo;
NOW = Angle now = nun.

Masumi Iŝikava (li naskiĝis 1978 en Tokio), Megumi Ōiŝi (ŝi naskiĝis 1985 en Ŝizuoko) kaj Andrew Archer (li naskiĝis 1986 en Aŭcklando, Novzelando) kombinas tradiciajn motivojn el la Edo-epoko (1603-1868) kaj la estetikon de ukijo-e kun la eblecoj de la ciferecigo kaj okupas sin kun nuntempaj temoj kiel muziko, pop-kulturo kaj sporto. La laboraĵoj de tiuj tri geartistoj montriĝas nun la unuan fojon en Eŭropo kaj tutmondigas la japanan arton.
La tekniko, stilo kaj temo de ukijo-e estis specife japanaj ĝis la frua 20a jarcento. Cent jaroj poste ukijo-e iĝis arta lingvo, kiun geartistoj en la tuta mondo uzas. La malnova stilo reekvivas per modernaj bildelementoj, ekzemple basketbalaj pilkoj kaj korboj aŭ moderne pripentritaj vizaĝoj.

La projekto UKIJO-E fondiĝis en la jaro 2014 kun la celo revivigi la tradicion de la majstro Utagava Kunijoŝi aldonante novajn ideojn. La iniciato venas de Yuka Mitsui, kiu engaĝis la plej bonajn lignogravuristojn kaj printistojn por produkti nuntempajn dezajnojn de Masumi Iŝikava kaj Megumi Ōiŝi uzante la tradiciajn japanajn pres-teknikojn.

Iŝikava studis la japanstilan ilustradon de Utagava Tojokuni la sesa (1903-2000). Tiel li daŭrigas la tradicion de la Utagava Skolo post 200 jaroj. En la jaro 2015 komenciĝis la kunlaboro kun la usona hardroka bando Kiss, kies surscenigoj estas famaj pro ties estetikaj aludoj al la japana Kabuki-Teatro. La sukceso de tiu projekto instigis la kunlaboron kun Iron Maiden fine de 2016 kaj postmorte kun David Bowie en junio 2018. La ellaborite dezajnitaj presaĵoj, kiuj eliĝis de tiuj tri projektoj, montriĝas en la ekspozicio UKIYOENOW la unuan fojon kiel tutaĵo ekstere de Japanio.

Kontraŭe al la tradiciaj produktadaj metodoj de la UKIYO-E-Projekto la artaĵoj de la grafika dezajnisto Andrew Archer produktiĝis ciferece. Archer, kiu vivas en Melburno, kombinas sian pasion pri basketbalo kaj pri ukijo-e en sia plej ampleksa serio Edo Ball (Edo Pilko). Tiu dinamika bild-serio Edo Ball produktiĝis per altkvalita cifereca ink-printo kaj sekvas stile la artistojn Kunijoŝi kaj ties disĉiplon Joŝitoŝi; la bild-serio ensorĉas la rigardantojn per siaj intelekta sprito kaj humuro. Krome montriĝas du malgrandaj bild-serioj de Archer en tiu

ekspozicio de MAK, same en ukijo-e-stilo. Ili prezentas la ĉinan kantiston Chris Lee kaj la usonan aktoron kaj rok-stelon Jared Leto.

La kuratoroj de ambaŭ ekspozicioj estas sinjorino Mio Waklita-Elis (MAK) kaj sinjoro Johannes Wieninger (Instituto por Arthistorio de la Universitato Vieno).

Pliaj informoj: www.mak.at/presse




Utagava Kunijoŝi: La nobela damo Tokiva, ≈1842
Dum la fuĝo ŝi protektas siajn tri infanojn.
La tri ardeedoj simbolas liberecon kaj montras la vojon.
El la serio „Historioj el la vivo de saĝaj kaj virtaj virinoj”.
© MAK / Georg Mayer




Utagava Kunijoŝi: Sonorilo de la budhisma Midero-Templo, 1843/44
El la serio „Kolekto de striitaj inaj benkeoj el la amuzkvartaloj”


Pri benkeoj vidu la vikipedian artikolon „Saito Musashibo Benkei“.




Andrew Archer: La Granda Ludo el la serio Edo Ball, 2018
Inkŝpruca printo
© Andrew Archer, Melburno




Andrew Archer: Fano de la Ludo el la serio Edo Ball, 2018
Inkŝpruca printo
© Andrew Archer, Melburno




Masumi Ishikawa: Eddie’s Beauty Revealed, Tokio 2016
Kolora lignogravuraĵo




Andrew Archer: Tekken 7 – Kazumi, 2017
Inkŝpruca printo

*Angebot* **DIE NEUE SILBERMÜNZE-MEDAILLE**

# 100 STELOJ
# EIN SPITZENPRODUKT DER MÜNZE ÖSTERREICH




## Anlass: 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018

Er war ein Schweizer Sprachwissenschaftler und der Erfinder des universellen Geldes.
Sein Bruder Ferdinand de Saussure war der Begründer der modernen Linguistik.

Limitierte Auflage: 1000 Stück, keine Nachprägungen. Durchmesser: 37 mm.
Oberfläche: Stempelglanz - PP. Lieferung in einer Original-Kunststoffkapsel der Münze Österreich.
Masse: 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 Gramm). Zertifikat wird mitgeliefert.
Aus gesetzlichen Gründen ist die Silberpunze 925 aufgeprägt.
Herausgeber und Entwerfer: Mag. Walter Klag.
Künstlerische Feinarbeit: Mag. Helmut Andexlinger, Chefgraveur der Münze Österreich.
Hersteller: Münze Österreich, Wien 3., Am Heumarkt 1; muenzeoesterreich.at
Die Münze Österreich ist eine 100%ige Tochter der Österreichischen Nationalbank.

**Preis 49 € zuzüglich Versandkosten 10 €. Versand nur in Euro-Länder möglich.**

Lieferung nach Vorauszahlung des Betrages. Bitte schreiben Sie die genaue Zustelladresse (gegebenenfalls auch die Wohnungsnummer) an esperanto@chello.at.

Mag. Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, 1190 Wien, Aŭstrio.

# La renaskiĝo de Steloj

Antaŭ kvin jaroj kaj duono, dum FESTO 2012 en Métabief, Alexandre 'Alekĉjo' Raymond venis al mi kun freneza sed interesa ideo: eldoni Esperanto-monon. Tiutempe FESTO multe inovaciis, ĝi eldonis proprajn tasojn, ĉemizojn kaj pli. Dum la renkontiĝo grupo de homoj ĉirkaŭ tablo diskutis kiel aspektu la moneroj, kiom ili valoru kaj kiel ili funkciu.

Post la somero Alekĉjo kontaktis kun presejo de plastaj moneroj por taksi, kiom realigebla estas la ideo. La plano fine aspektis jena:

- Estu moneroj de 1, 3 kaj 10 Steloj. Tio ebligos rapidan pagadon de diversaj eblaj monsumoj.
- La moneroj estu malsamkoloraj kaj malsamgrandaj, por ebligi facilan kaj rapidan uzon.
- La koloroj estu ruĝa, flava kaj verda, kaj la simboloj gufo, papago kaj krokodilo.
- La valoro de unu Stelo egalu al la plej malgranda kutima elspezo en trinkejo aŭ gufujo, do unu taso da teo aŭ unu glaso da kolao.

La finaj desegnoj estis senditaj kaj 3000 moneroj estis presitaj en oktobro 2012. Bonŝance en la fino de oktobro okazis malgranda renkontiĝo, kiun mi kunorganizis: Klaĉ-Kunveno Post-Somera en Nederlando. Ĝi estis perfekta por testi la novan monsistemon. La publiko ŝatis la monerojn, kaj sukcesis adaptiĝi al ĝia uzado. Post KKPS la Itala Esperanto-Junularo iĝis kuninvestanto de la projekto.

La originala valoro estis difinita kiel 4,2 Steloj en unu eŭro. Poste la valoro estas ligita al la inflacie kompensitaj valoroj de eŭro, realo kaj zloto kun pezoj de 76%, 20% kaj 4%. Do same kiel la antaŭa Stelo, tiu ĉi Stelo teorie tenos sian valoron. Ekde 2012 ĝis 2017 la valoro de unu eŭro en Steloj variis inter 4,040 kaj 4,581.

La Steloj estas ĉefe uzataj en trinkejo de junularaj Esperanto-renkontiĝoj. Ili estas valida pagilo en KKPS 2012-2017, IJF 2013-2017, JES 2012 kaj 2017, SES kaj FESTO 2013 kaj IJK 2015. Krome ili uziĝis en kelkaj trajnkaravanoj kaj eblas mendi ilin poŝte ĉe Alekĉjo aŭ Roĉjo.

La avantaĝoj de Steloj en trinkejo estas la facila uzo, la malalta pezo relative al metalaj moneroj, kaj la fiero havi specialan Esperanto-monon. La ĉefa malavantaĝo estas la bezono interŝanĝi alian monon kontraŭ Steloj en la komenco de la renkontiĝo.

La kvanto presita en 2012 devus sufiĉi por uzo en eĉ la plej grandaj junularaj renkontiĝoj. Se ilia uzo aŭ kolektado ekster la junulara movado ankaŭ kreskos, tiam dua presado estos pripensinda.
Rogier 'Roĉjo' Huurman

Bildoj: https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Bonvolu mendi la plastajn Stelojn ĉe rogier.huurman@gmail.com



# Julia Isbrücker-Jaro 2020
# Invito al kunlaboro



2020 estos la 100a datreveno de la 12a Universala Kongreso en Hago (1920). Julia Isbrücker (kun-)organizis ĝin. La realigo de tiu kongreso pruvas, ke ankaŭ granda milito ne povas neniigi nian lingvon. Julia (kun-)fondis Internacian Esperanto-Instituton kaj Universalan Ligon kaj (kun-)eldonis la metalajn Stelo-monerojn, kies nominaloj estas 1, 5, 10 kaj 25 Steloj.

2020 mi planas eldoni arĝentan 50-Stelan moneron (simila al la Maria Theresia-Talero) por la honoro de Julia. Sur la 100-Stela monero 2018 aperis viro (René de Saussure), sur la 50-Stela aperas virino.




Mi jam kolektas materialon pri Julia. Ekzemple oni povas tiun materialon uzi por vikipedia artikolo. La ekzistanta artikolo ĵus tradukiĝis en la persan.

La kolektita materialo aperos kaj en la formo de vikipediaj artikoloj en diversaj lingvoj kaj kiel broŝuro en presita kaj en la formo de podofo.
Bonvolu sendi al mi tekstojn kaj fotojn de kaj pri Julia. En la fina eldonaĵo via nomo estos menciita.

Walter Klag, esperanto@chello.at.

# Esperanto-Numismatika Asocio

Pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto, en 2013 estis fondita la fakgrupo „Esperanto-Numismatika Asocio” (ENA) kun revuo „Esperanta Numismatiko”, probable la ununura tia fakgrupo en la historio de Esperanto.

La instiga fakto estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro je moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj, kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo, ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj. Kroma celo estas plejeble baldaŭ kompili kaj eldoni katalogon kaj enciklopedian terminaron.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum nur kvin jaroj ĝis 133 individuaj membroj kaj 20 esperantaj organizaĵoj, bibliotekoj kaj muzeoj, dise en la mondo.

Agrable por ni kaj vi estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!

Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: „Mi konsentas aliĝi”). Krome la *NUR PERRETA* revuo estas tute SENKOSTA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, vi tuj ricevos perrete ĉiujn jam aperintajn kaj sekve ĉiujn aperontajn numerojn, 4 numerojn jare.

Nian anoncon vi trovos ankaŭ en la Jarlibro de UEA. Se vi deziras kromajn informojn, ne hezitu kontakti nin tiel: bert.boon@skynet.be

Vi rajtas unue peti provnumeron! Vi decidos poste!

Kun numismataj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de „Esperanta Numismatiko”



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**